# Aŭstraliaj  Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 07/09/2017 Tricent-tridek-naŭa eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

Freelang Vortaro Plena Ilustrita Vortaro Esperanta Retradio Google Translate

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au



Ekstudis pli ol **1,000,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015) https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

Ankaŭ ekstudis pli ol **200,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

**Ĝis nun 1,200,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**

# La gramatikaj (lingvaj) kategorioj. H.



Ni devas dividi la verbojn ankaŭ laŭ la direkto el kiu oni rigardas la bildon. Oni nomas tion la gramatikaj Voĉoj, ĉar la formo de la verbo dependas de la direkto de la voĉoj kiuj rigardas kaj priskribas la bildon. La lingvo pri la bildo de okazo ja estas linia, ĉar oni ne povas diri aŭ skribi la partojn de bildo samtempe. Do oni povas diri la bildon komencante per la viro en la frazo "La viro batis la hundon" kaj post tio mencii la agon, "batis", kaj fine la hundon. Legi en ĉi tiu direkto nomiĝas la Aktiva Voĉo. Aŭ oni povas unue legi la hundon kaj post tio la agon, "bati", kaj fine la viron, per "de la viro". Oni nomas tiun direkton la Pasiva Voĉo, sed nenio ŝanĝiĝis en la bildo, do ni plu devas uzi la vortojn viro kaj bati kaj hundo, kvankam en alia vicordo. En la tria Voĉo ni ree unue mencias la hundon kaj post tio la agon bati, sed ne plu. Ni nun ne plu scias la originan aganton, la viron, do ĉiu aŭ ĉio povus origine fari la agon "bati", eĉ nenio aŭ fortoj en la naturo aŭ eĉ la hundo mem, subkonscie. Ĉi tiu estas la Mediala Voĉo, en kiu oni ne mencias aŭ ne scias el kio venis la batoj kiujn la kompatinda hundo tamen ricevis, laŭ tiu duono de la bildo. Fine ekzistas la Faktitiva Voĉo en kiu ree la bildo ne ŝanĝiĝas sed en kiu la skribanto aŭ parolanto aŭ leganto kaŭzas la bildon okazi. En ĉi tiu kazo do iu ekster la bildo kreas la originan bildon, kaj tiu kreanto nature aldoniĝas al bildo pri la bildo.

(daŭigota) *Marcel Leereveld.*



# "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)

## Nun AE kopias la tutan libreton iom post iom ĝis la fino.



## Bona rakonto kaj bona Esperanto

**Ĉapitro 2, Mi plenkreskiĝas, fariĝas laboristo kaj esperantisto** (6a ero)

Mi alvenis al Scheveningen, mi esperas, ke mi ĝuste literumis la nomon de la urbeto. Tie estis policejo, kaj mi eniris por peti informojn pri la plej mallonga vojo al iu urbo, kie loĝas alia el miaj amikoj. Salutis min miaj du grandeguloj, kiujn mi jam renkontis sur la vojo. Ili demandis min pri mia deveno ktp. kaj mi demandis ilin pri la plej mallonga vojo. Satiginte niajn scivolemojn mi daŭrigis al la urbeto. Trovinte la loĝejon de mia amiko, mi trovis sur la enirpordo noton kun la jena mesaĝo: "Ni estas en Scheveningen", ĉu ankoraŭ ĝustas la literumado ? Reen al Scheveningen, la vojon mi bone konis, kaj mi trovis tie feriejon konsistantan el lignaj dometoj kun tegmentoj el tenda tolo. "Vizitanto el Danlando" mi ekkriis, kaj oni enlasis min, kaj ĉar estis jam nokto, mi prenis la supran liton tuj sub la tolo. Tie mi dormis kelkajn horojn, ĝis subite trafis mian kapon kapkuseno, kaj mi aŭdis la voĉon de mia amiko krieganta, "bone morgau !" Mi reciprokis per "bonan matenon" esperante ke li ne ofendiĝos. Sed li ne ofendiĝis, kaj ni ellitiĝis kaj matenmanĝis.

Ni eliris kaj rigardis la feriejon, poste ankaŭ la urbeton Scheveningen. Ju pli ofte mi skribas tiun nomon, des pli facila fariĝas ĝia literumado.

En la vespero la familio devis reiri al sia hejmo, kaj mi akompanis ilin. Ni biciklis, escepte de mi, kompreneble, mi rajdis aristokrate sur mopedo.

La nokto estis terure varmega, kaj mi elrampis el la lito kaj daŭrigis la dormadon sur la planko.

En la mateno mi adiaŭis ilin kaj daŭrigis mian ferivojaĝon eĉ pli suden. Nederlando estas grandega lando, eblas iri de nordo suden en ĝi.

En alia urbeto mi trovis alian amikon, kiun mi ĝis tiam ne konis. Mi restis en lia domo kune kun liaj gepatroj kelkajn tagojn. Mi loĝis en la ĉambro de lia fratino, kiu estis for feriante. Tie mi povis ripari kaj purigi la mopedon. Poste mi iris al la granda urbo de Nederlando, ĝi nomiĝas Amsterdamo. Tio estis la unua fojo, kiam mi estis en Amsterdamo, tiu belega urbego kun reĝa palaco kaj kinejoj. Mi haltis antaŭ unu el la kinejoj, kiu reklamis pri dana filmo, en kiu aktoris fama dana aktoro nomita Ib Schønberg. Mi aĉetis bileton kaj eniris. Estis tre ege amuze rigardi filmon en fremda lando. Ib Schønberg parolis dane, kaj sube estis skribite en la nederlanda, kion li diris. Mi sidis kaj legis la nederlandan tekston dum Ib Schønberg parolis dane. La nederlandanoj ridegis, kaj mi penis por kompreni, kion signifas la nederlandaj vortoj. Estas, almenaŭ al mi, tre malfacile rigardi tekstojn kaj samtempe kompreni ilin, kiam iu parolas alilingve, eĉ kiam oni tre bonege komprenas la vortojn parolatajn. Sed eble mi povus lerni la nederlandan lingvon, se mi pli ofte enirus kinejojn, sed devus esti nederlandaj kinejoj, ĉu ne ? kaj en Aŭstralio troviĝas nur aŭstraliaj kinejoj !

*Daŭrigota* *Bob Felby*





# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.



Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.
La 2an de Septembro estis la unua sabato. Venis Roger, Chris, John, Eunice, kaj Ian.

*Mi ĉeestas tiun bonan Esperanto-klubon kaj raportas al AE pri la klubo.* *Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Semajna raporto de Melburno



**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 3an de Septembro ses homoj kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar. Ni babilis kaj ludis la kartludon "Diru ne Diru". La plej nova ĉeestanto lerte ludis kun nur malgranda vortprovizo.

**LUNDA KUNVENO**

Lundon la 4an de Septembro ses homoj kunvenis ĉe Ross House. Marcel klarigis gramatikajn aferojn, kaj ni finfine venis al la lasta parto de unu ĉapitro de *Mil kaj Unu Noktoj*. Nun ni ektradukos plian ĉapitron.

**VENONTAJ KUNVENOJ**

Ni ne kunvenos lunde je 11/9, 25/9, 2/10 kaj 9/10.

Anstataŭ la ludvespero en Septembro ni ekskursos al Warnambool, sed mi ankoraŭ ne sukcesis finaranĝi tion. Mi celas la 29an-30an sed donos pli klaran planon venontan semajnon.

Dimanĉon 10an de Septembro je 15:00

Dimanĉa kunveno, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 896    Instagram – 94

Facebook – 302    Telegram – 17

Twitter – 306

*Joanne Johns*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★




# Unu miliono da Studentoj per la Angla kaj ducent mil per la Hispana

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## El Brizbano

Lastan sabaton BES membroj kunvenis, inkluzive de ( vidu bildo )




Saĝa Erhard, Instrua Instruistino Sandra, Kantobirdo Linda, Mondvojaĝanto Doug.

*informis Petro Danzer*



***Novaĵservo Ret-Info / Lingvo-Studio***

# ĈU ESPERANTO-TRAJNO EN POLLANDO?

La interurbaj IC-trajnoj havas proprajn nomojn ankaŭ en Pollando, kaj ofte oni decidas pri ili per voĉdonado. Ankaŭ nun, ekde unu semajno daŭras publika voĉdonado pri la trajno trafikonta inter la urboj Białystok kaj Łódź. Por la nomo estas tri kandidatoj: 1. Jagiellonczyk 2. Esperanto 3. Branicka




Nomoj de la trajnoj ŝanĝiĝas, plej ofte ĉiun jaron en decembro, kiam oni enkondukas la novan trajn-horaron. Antaŭ kelkaj jaroj foje trajno jam ricevis la nomon Esperanto, sed ĝi ne plu ekzistas, kaj ne plu trafikas. **La nuna voĉdonado finiĝas lunde, la 4-an de septembro.**

Szilvási László *Ret-Info / Lingvo-Studio, LS*

*http://www.eventoj.hu* *informis Katja Steele*



# LA NE-ESPERANTECAj PARTICIPOJ EŬROPAJ.

Premiso: En la historio de lingvoj kiuj praktikas sistemon de vortkategorioj oftete okazas ke vorto ŝanĝiĝas el unu kategorio al alia, aŭ ekhavas pli ol unu kategoriojn. Jen mi donas kelkajn ekzemplojn el la angla lingvo:

1e. La angla difina artikolo *"the"* estis origine montra pronomo. Ĉe la ŝanĝo de funkcio ŝanĝiĝis ankaŭ ĝia kategorio.

2a. La sola signifo de la angla verba participo *"evening"* ŝanĝiĝis al la substantiva kategorio.

3e. La angla prezenca participo, do verbo, kreis la alternativan funkcion de substantivo (gerundio). Tiu participo kategorie do estas jen verbo, jen substantivo.

4e. La angla prepozicio "*except*" estis origine formo de verbo, kaj nun la vorto estas AŬ verbo AŬ prepozicio depende de la funkcio.

5e. La substantivo *"toe"* ekuzatis antaŭ longa tempo ankaŭ kiel verbo. Kiam ĝi funkcias kiel verbo, ĝia kategorio estas "verbo". Do ekzistas du vortoj *"toe",* substantivo kaj verbo.

En Esperanto la kategoriŝanĝado estas eĉ pli riĉa ol en la angla, teorie eĉ senfina kaj senescepta. Sed en Esperanto tia ŝanĝado ĉiam, senescepte, okazas per ŝanĝo de finaĵo. Ankaŭ la speciala nomo de iu gramatikaĵo ŝanĝiĝas ĉe alikategoriado en etnaj lingvoj tiel kiel en Esperanto: ekz. la nomo por la vorto "tiu" en "tiu persono" , nome adjektiva indika pronomo, fariĝas substantiva indika pronomo en "kiu estas tiu?". Estas grava memori, ke la gramatika nomo ŝanĝiĝas ĉe gramatika alikategoriiĝo.

Post ĉi tiu Premiso mi nun klarigas la nomojn de, de siaj funkcioj dependaj anglaj participoj. Unue pri la t. n. prezencaj participoj, kiuj en la angla ĉiam havas la finaĵon *"-ing"*. Ni demandu, ĉu la prezenca participo angla indikas la tempon de la ago, do kiam ĝi okazas se uzata kiel verbo. La respondo estas: Neniam. Ĝi indikas nur, ke la nefinita ago disvolviĝas, -is, -os. Estas la helpverbo kiu indikas la tempon de la ago, kiel en *"I was sleeping",* Mi estis dormanta. Malgraŭ la vorto *"sleeping",* la dormado ne okazas nun, sed en la pasinteco, pro la vorto *"was".* La vorto "*sleeping"* ĉi tie, kvankam verbo en la angla, ne estas prezenca participo, sed nur imperfekta, nefinita participo, kaj ĝia nomo devas esti "imperfekta participo", certe ne "prezenca participo". En Esperanto la vorto "dormanta" eĉ ne estas verbo, sed nur "adjektiva imperfekta participo".

Ni nun observu la anglan "preteritan participon", *"past participle".* Ĝi estas verbo kaj havas diversajn finaĵojn, plej ofte *"-ed"* kaj *"-en".* Ĉu ĝi indikas tempon? La respondo estas: kelkfoje jes kaj kelkfoje ne. Ni do ekzamenu kiam jes kaj kiam ne en la angla.

Unue en aktivovoĉaj frazoj. Ĉu *"gone"* indikas tempon, pasintecon, en *"Luckily I have gone to the bank"*? Jes, ĉar *"gone"* estas la nura vorto kiu ĉi tie indikas la pasintecon de la ago. La vorto *"have"* ne indikas la pasintecon, nur la estantecon, kaj do ĉi tie estas superflua. Oni samsignife povus diri *"Luckily I gone to the bank"*. Do *"gone"* estas preterita, aŭ se vi volas "perfekta", participo aktiva. Sed ĉar *"gone"* ĉiam indikas nur la estintecon, oni eĉ ne povas uzi ĝin por la aliaj tempoj, kiel *"I go"* kaj *"I shall go"*. La samo validas en la angla en ĉiuj aktivovoĉaj kazoj, por ĉiuj verboj, nome ke la participo estas tempa participo, estinteca participo.

Ni nun fine ekzamenu la funkcion de la angla t. n. pasinteca participo en pasivovoĉaj frazoj. Unue en la estanteco, la prezenco*, “Don’t worry! I am taken to the hospital”* (Ne timetu! Mi estas kondukata al la malsanejo). La tempon indikas *“am”,* “estas”, kaj *“taken”* ne estas pasinteca, preterita, participo, ĝi ne indikas ĉi tie la tempon de la ago, kiu estas la prezenco. Ĝia funkcio ne estas tempa, kaj ĝi do ne estas t.n. *“past participle”,* (pasinteca participo). Kion do ĝi indikas, krom la ago mem? Ĝi indikas ĉi tie la pasivecon kaj ĝiaj funkcio kaj nomo sekve devas esti “pasiva participo”, malgraŭ ke la formo samas al la pasinteca participo. La sama fenomeno okazas en la aliaj tempoj de la ago. Ankaŭ en la futuro la participo ne estas *“past participle”,* sed *“passive participle*”, ĉar la ago okazas en la futuro, kiun indikas la verba kombino *“shall/will be”* en *“I shall be taken to the hospital”.* Ankaŭ ĉi tie la verbo *“taken”* ne estas preterita participo, sed pasiva participo, *passive participle*, ne *past participle*. Samas en la estinteco: *“She was rewarded for her bravery”,* Ŝi estis rekompencita pro sia kuraĝo. Ĉar *“was”* jam indikas la pasintecon, *“rewarded”* ne povas indiki la pasintecon, ĉar tiam ekzistus du pasintecoj.

Ĉar en ĉi tiaj uzoj la origine preterita participo ŝanĝis sian funkcion al tiu de pasiva participo, ĝi nun devas havi ŝanĝitan nomon, nome “pasiva participo”. Se la anglaj lingvistoj plu nomas ĝin en ĉi tiu pasiveca funkcio “estinteca participo”, ili eraras, same kiel ili erarus nomi la vorton *“evening”* prezenca participo.

Estas stranga kaj malĝusta ke evidente en la tuta angla terminologio oni malĝuste plu nomas la pasivan participon la pasinteca participo. La kaŭzo verŝajne estas, ke oni ne kapablas distingi inter la pasiva perfektforma participo kaj la pasinteca participo uzata en la aktiva voĉo: *She is taken to the hospital* kontraŭ *They have taken her to the hospital*.

La situacio en Esperanto estas multe pli klara kaj logika, ĉar ĝiaj participoj estas adjektivoj, ne verboj. Sed kopiante la eŭropan komplikecon P.A.G. nenecese komplikas la Esperantan sistemon ĝis mallogikeco kaj nekomprenebleco, kaj sekve estas evitinda kaj neaplikinda.

Do vi, Esperantistoj, montru ke vi pro Esperanto pli bone komprenas la gramatikon de la angla lingvo ol la anglaj specialistoj kaj nomas, en la pasiva voĉo, la antaŭe preteritan participon la pasiva participo, la antaŭa *“past participle*” nun la “*passive participle*”. Alivorte: en la angla lingvo ekzistas tri participoj: 1e. la prezenca participo, kiu ĉiam indikas la nefinitan estantecon, 2e. la perfekta participo, kiu uzatas nur en la aktiva voĉo kaj tie ĉiam indikas la pasintecon, kaj 3e. la pasiva participo, kiu uzatas nur en la pasiva voĉo kaj tie ĉiam indikas nur la pasivecon, ne la tempon. *Marcel Leereveld.*

P.S. Mi dankas Donald Rogers pro liaj pliklarigoj. M.L.





# 3ZZZ



Aŭskultante la Esperanto-elsendon de la 11a de septembro 2017
vi ekscios iom pli pri la kondiĉoj en kiuj estis disvastigata simfonio de Beethoven kaj
vi malkovros pli da kantoj de la litova grupo Sepa Asorti

informas la kunvokanto

*Franciska Toubale*